


AUGUSTO 1958

JARO 10a
Nro 6

Sekretariejo: Orteliusstraat 108''', Amsterdam - Redaktejo: von Liebigweg 26, Amsterdam, Nederlando

## PRI NIA AGADO

En ĉi tiu numero de Bulteno vi trovos la raportojn pri kunvenoj kaj kunsidoj okazintaj dum nia Aarhusa kongreso.
La raportoj estas kompilitaj de nia — nun eksa — estrarano E. Drijfhout. Krom tiujn raportojn ni presigis la paroladojn de eminentuloj danaj, kiuj per sia tre ŝatata partopreno en nia solena malfermo, montris sian simpation al nia movado kaj ĝia celo.

El pasintaj kongresoj ni akiris la sperton, ke la landaj asocioj ne ĉiam agis laŭ la decidoj akceptitaj en la laborkunsidoj.
Konvinkitaj, ke niaj landaj estraroj estas akurataj kaj laboremaj, ni venis al la konkludo ke ie en la irado de la aferoj estas mankoj.
Ŝajne en la pasinto iuj delegito ne bone informis siajn estrarojn pri la decidoj, dum ankaŭ okazis ke troaj priparoloj tiom nebuligis la aferojn, ke fine oni ne klare komprenis kio estas la rezulto de la diskutoj.
Tial, por eviti malĝustan komprenon, ni donas ĉi sube — laŭ propono de niaj jugoslavaj amikoj — iun resumon pri la plej gravaj punktoj kaj pri la decidoj al niaj kongres-proponoj.

1. Post la redaktora raporto esprimiĝis la deziro ke nia federacia organo aperu pli grandformata, eventuale sub la nomo: „La Internacia Fervojisto". Oni subtenis la opinion de la redaktoro ke ne estas dezirinde represi nur artikolojn el la landaj organoj. La estraro promesis esplori la eblojn plibonigi nian gazeton laŭ la stato de niaj financoj. Se eble nia nova redaktoro startas sian laboron per tute nova kaj pli grandformata organo.
   El la samaj diskutoj rezultis ankaŭ la starigo de redaktora komitato, konsistanta el la IFEF-redaktoro kaj la redaktoroj de la naciaj fervojistaj esperantistaj gazetoj. En estontaj kongresoj — unuafoje en Austrio — la koncernaj redaktoroj havos redaktoran kunvenon por interŝanĝi konsilojn kaj spertojn pri la redaktado kaj enhavo de la gazetoj. La koncernan aldonon pri la redaktora komitato al art. 16 de nia regularo ni fiksos en la venonta kongreso.

2. Ekde la 1-a de januaro 1959 la kotizo por IFEF estas 1½ guldeno jare.

3. Koncerne la fakprelegojn la kongreso rekomendis la kompromison, ke antaŭ la venonta kongreso ĉiuj landoj verkigu raporton pri la temo: „La evoluo, aspekto kaj enhavo de la Horaro".
Kiel antaŭe ili havigu tiujn raportojn al ĉiuj delegitoj kaj al la IFEF-estraro. Krom tio, niaj aŭstriaj amikoj prizorgos prelegon pri temo, de ili elektota. Se eble en venontaj kongresoj ni agos en sama maniero, tio estas: ke la L.K.K. prizorgos la prelegon.

4. La kongreso aprobis la starigon de Koresponda Servo kaj elektis por tiu servo unu centran gvidanton, nome samideanon W. Biesheuvel, Ceramplein 58, Amsterdam.

5. La tempo ankoraŭ ne estas konvena por peti liberajn biletojn por niaj pensiuloj, kiuj deziras viziti sian kongreson.

6. Laŭ instigo de niaj jugoslavaj amikoj la kongreso rekomendas al la landaj asocioj sendi pli ol unu delegiton al la kongreso, ĉar por unu persono la tasko estas tro ampleksa. Jam al la Aarhusa kongreso J.A.F.E. sendis pro unu delegiton por organizaj aferoj, terminaraj kunsidoj, faka prelego kaj redaktoraj laboroj.

7. La kongreso akceptis la proponon de J.A.F.E. ke de nun la landaj asocioj — delegitoj — sendu la raportojn pri sia agado kaj sukcesoj al ĉiuj landaj sekretarioj jam en la monato marto antaŭ la kongreso. Tiel la kunsido de la delegito kaj la IFEF-estraro estos pli efika.

8. Elektiĝis nova estraro laŭ jena skemo:
prezidanto: K. G. J. de Jong; sekretario: J. Lok; kasisto: E. R. Oosterwijk; 2-a prezidanto kaj redaktoro: H. Hoen; 2-a sekretario: Joh. Poptie.
La kongreso honoris la eksiĝintajn estraranojn: eksprezidanto W. Stapel, elektante lin Honora Prezidanto; estraranoj W. Biesheuvel kaj E. Drijfhout, elektante ilin Honoraj Membroj.

9. La kongreso elektis novan kaskontrolan komitaton, kiu nun konsistas el la sinjoroj Van Leeuwen, Van den Berg kaj Stapel (ĉiuj anoj de F.E.R.N.).
La konfliktkomitato konsistanta el la amikoj Hartjen, Bouwkamp kaj Thorsted restis senŝanĝa.

10. Kolego Bürger invitis la 11-an kongreson por 1959 al Linz.
La invito estis akceptata kun forta aplaŭdo.

11. Nia fidela amiko Ruhainainen invitis la 12-an kongreson por 1960 en Helsinki. Entuziasman aplaŭdon li rikoltis per sia invito.

12. Jam nun samideano Gimenez invitis la kongreson por 1961 al Barcelona. Kun granda ĝojo la kongreso aklamis lian inviton.

Menciindaj estas ankoraŭ la donacoj al IFEF okaze de ĝia 10-jara ekzistado. Belegan flagon donacis al IFEF en la nomo de L.K.K. ĝia prezidanto Kensing.
Konsiderindajn monsumojn donacis en la nomo de siaj landaj asocioj: Hjalmar Ollson por Svedio, Hans Bürger por Aŭstrio, Joachim Giessner por Germanio, kaj Willem Hogendijk por Nederlando.
Krom tio mi ricevis la sciigon de nia sekretario ke Francio sendis belan, grandformatan medalon kun memoriga teksto.
La IFEF-estraro ankoraŭfoje kore dankas al la donacintoj, kiuj per sia gesto multe stimulas nian laboremon por nia bela organizo.

Stimula por nia agado estas sendube ankaŭ la serioza kaj efikoplena kunveno de la Terminara Komitato, kiu sub prezido de s-ro Ritterspach estis unu el la plej bonaj de la lastaj jaroj.
Tial, kun plena kuraĝo la nova estraro povas daŭrigi la gvidadon de IFEF.

De Jong

Ĉar post ĉi tiu numero finiĝos mia redaktora tasko, mi volas esprimi koran dankon al ĉiuj, kiuj per siaj kontribuaĵoj por nia gazeto multe faciligis al mi la ŝatatan laboron.
Precipe en la lasta jaro regule fluis al mi bonegaj artikoloj, indaj por presigi en internacian fervojistan organon.
Konvinkita pri tio, ke niaj kunlaborantoj favoros ankaŭ mian anstataŭanton almenaŭ unufoje en la jaro per leginda artikolo, mi kun fido transprenas la gvidadon de nia movado.

De J.

## LA SOLENA MALFERMO DE LA KONGRESO EN LA URBDOMA HALO



Dimanĉan matenon la 11an de majo precize je la 9.30a horo la orkestro de la fervojistoj de la Centra Riparejo en Aarhus aŭdigis gajan muzikon. La direktoro s-ro Ankerstjerne meritas multe da laŭdo, ĉar la orkestro estas altkvalita.
Post la bela muziko nia kolego Christensen bonvenigis la ĉeestantojn en la nomo de la L.K.K.
S-ro Kensing, prezidanto de la L.K.K. speciale bonvenigis lian Mininistran Moŝton Soren Oleson, la Ĝeneraldirektoron de la Dana Ŝtata Fervojo, s-ron P. E. N. Skov, la vic-urbestron de Aarhus, s-ron Bernhard Jensen, la reprezentanton de la Fervojista Sindikato, s-ron E. Svendsen, kaj la aliajn eminentajn gastojn. Li petas al la kongreso la rajton alparoli la gastojn en la dana lingvo.
Poste li memorigas la 1an kongreson, okazintan ankaŭ en Aarhus.
Tiam nia organizo estis nur malgranda. Nun ni denove kongresas en la sama urbo kaj partoprenas ĝin 386 membroj el 15 landoj.
Ke la kongreso vekis la atenton en Danio montriĝas el la fakto, ke la grandega halo de la urbdomo estas plenplena. Li dankas la pionirojn kaj ĉefestraron por la multege da laboro kaj donacas belegan flagon al la ĉefestraro, esprimante la deziron kaj esperon ke la kresko de IFEF daŭru ankaŭ en la estonto.

La Ministro por Internaj Aferoj malfermis la kongreson kaj post li parolis la Vic-urbestro de Aarhus, la Ĝeneraldirektoro de D.S.B. kaj la prezidanto de la fervojista unuiĝo por Sporto kaj Hobio. (La koncernajn paroladojn vi trovas aliloke en la Bulteno.)

Poste la prezidanto de la Centra Dana Esp.-Ligo Turgaard salutis la kongreson kaj esprimas la esperon, ke post la unuaj dek jaroj la laboro estu samsukcesplena ol en la pasintaj jaroj.

La prezidanto de la Dana Fervojista Sindikato s-ro Holgered dankas por la kunlaboro kaj li substrekas siajn bondezirojn per kvinfoja vivokrio.

S-ro Kortegano Hugo Steiner en la nomo de la Austria Fervojkompanio transdonas la salutojn de la Ĝeneraldirektoro kaj instigas la kongresanojn veni sekvontjare multnombre al Aŭstrio.

Li sciigas la enaŭguron de la Zamenhofa monumento en Vieno kaj esperas ke multaj el la kongresanoj ĉeestos tiun solenon.

S-ro Kovacic salutas la kongreson nome de la Aŭstria Fervojista Sindikato kaj montras la neceson de Esperanto en mondo en kiu oni atingas la rapidecon de 2000 kmh, sed kie oni ne komprenas unu la alian pro la lingva diferenco.

S-ro Labordus, reprezentanto de la Nederlanda Transportentrepreno „Van Gend en Loos", kore salutas kaj gratulas la kongreson en la nomo de sia Direkcio pro la jubileo.
La firmao uzas modernajn ilojn kaj scias ke reloj ligas la landojn kaj Esperanto la popolojn.

Por la Svedaj Fervojoj s-ro Gosta Bolander salutas la kongreson kaj li esperas ke ĝi estu fruktedona.

S-ro Ragnar salutas por la Sveda Fervojista Sindikato kaj esprimas ke la Sindikato alte taksas IFEF kaj deziras bonan sukceson.

Post tio laŭalfabete parolis la landaj delegitoj.

F-ino Lemonnier interalie transdonis la salutojn de s-ro Mollion la prezidanto de FISAIC, kiu ege bedaŭras ke li ne povas ĉeesti.
S-ro Giesner transdonis la salutojn de s-ro Rummel prezidanto de la Germana Sociala Organizo Fervojista.
S-ro Sandmeier transdonas la salutojn nome de la Ĝenerala Direktoro de la Svisa Fervojo.
Japana ĵurnalistino s-ino Joŝika Kacino, vestita en nacia kostumo, dankas pro la helpo dum la vojaĝo al Aarhus, kiun la fervojistoj donis al ŝi.

La prezidanto de IFEF, s-ro W. Stapel, fermis la vicon de parolantoj per jenaj vortoj:
En la nomo de la organizo mi dankas la organizintojn, kiuj kvankam ili ankaŭ organizis la unuan kongreson, ne timis denove fari tion.
Specialan dankon mi direktas al la eminentuloj kiuj honoris nin per esperantlingva parolado.
Granda honoro por ni estas la malfermparolado en Esperanto farita de la Ministro por Internaj Aferoj.
La unuan kongreson partoprenis 82 anoj. En tiu tempo ni ne povis imagi ke la kresko estos tiom grava. Nun ni havas preskaŭ 2000 membrojn.
Estas necese ke ni restu laboranta por Esperanto. Ĉie oni plendas pri la inerteco de la junularo. Ni do rajte povas ĝoji, ke inter la partoprenantoj de nia kongreso estas tiom da gejunuloj.
Jam en 1908 fakte estis la komenco de nia fervojista esp-movado.
Malgraŭ la du mondmilitoj, kiuj kaŭzis stagnon, okazis la fenomeno, ke post ĉiu nova barilo ĝi denove leviĝis, kvankam ne ĉiam sub la sama nomo. Ni restu batalanta, kaj kiam post 10 jaroj ni denove atingos mejloŝtonon, ni espereble povos mencii ke la nuna kongreso havis nur 386 partoprenantojn. Kore mi dankas vin ĉiujn.

## PAROLADO DE LA MINISTRO POR INTERNAJ AFEROJ

Estimataj gesamideanoj.

Kiel ano de la dana registraro estas por mi ĝojo kaj honoro bonvenigi niajn internaciajn gastojn al Danlando. La dana registraro estas interesita pri ĉia internacia kunlaboro plibonigata komprenon kaj pacon inter popoloj kaj nacioj.

Estas mia sperto, ke ĉiuj popoloj tre deziras interrilaton kaj kunlaboron unu kun aliaj, kaj kie tio renkontas opozicion, tio estas nur pro timo de potenco kaj subpremo. Oni deziras

interrilaton al aliaj popoloj sur multaj diversaj kampoj: Komerco, kulturo, scienco kaj tiel plu, kaj oni deziras vidi kaj ekkoni fremdajn landojn kaj popolojn. Interlaboro estas ne nur deziro sed deviga neceso, kaj sur multaj kampoj estas atingita grandaj rezultatoj, sed ankoraŭ restas multaj malfacilaĵoj kaj malhelpoj konvinkindaj.

Unu el la granda malhelpoj estas la lingva konfuzo.

Internacia helplingvo estas nun pli necesa ol iam antaŭe. La scienco daŭre pli aŭ malpli aplikas Latinon, franca estas la lingvo de l' diplomatoj, dum kiam trafiko kaj komerco aplikas anglan. Kia peno lerni ĉi-tiujn aŭ plurajn lingvojn, kiam Espernato estus lernata en la daŭro de duona jaro kaj kiel internacia lingvo anstataŭas ilin ĉiujn.

Hodiaŭ tio valoras ne nur por malmultaj saĝuloj, sed ĉiuj havas uzon de internacia lingvo. Al la junularo en ĉiuj landoj mankas tia lingvo kaj precipe al tiu junularo, kiu plenumas la praktikan laboron kaj ne havas tempon aŭ okazon por lerni unu aŭ plurajn fremdajn lingovjn. La terglobo fariĝas malpli granda. Fervojlinioj kaj ŝoseoj transiras ĉiujn landlimojn kaj disvastigas siajn retojn ĉirkaŭ la tutan terglobon. Sekve estas niaj deziro kaj kredo, ke Esperanto trapenetru la landlimojn kaj per la flugilrado disvastiĝu sur la terglobo.

Estas la laboro por ĉi-tio, kio kolektas la fakistojn de la fervojo al ĉi-tiu kongreso, kaj kun la deziro, ke tio sukcesu profite al internaciaj kunlaboro kaj amikeco, mi jen deklaras la kongreson malfermata.

## PAROLADO DE LA VIC-URBESTRO

La rapidega evoluo de la trafikrimedoj daŭre faras la mondon malpli granda. La videblaj fervojaj kaj la nevideblaj aviadilaj retoj de lando al lando pli kaj pli alproksimigas la popolojn unu al la aliaj, ĉu ili volus aŭ ne. Kaj nun kiam oni eksendis rakedojn kaj artefaritajn satelitojn trans la teran atmosferon, nia globo baldaŭ aspektos ankoraŭ malpli granda en la nova mondbildo, kiu sin desegnas antaŭ ni. Sur tiu fundo tre absurde efikas, ke tiuj estaĵoj, kiuj loĝas sur tiu eta floko en la kosmo, devas persekuti unu la aliajn kaj murdi unu la aliajn pro kontraŭaj politikaj opinioj, rasdiferencoj kaj naciaj landlimoj. Oni krias unu al la alia per lingvo, kiun oni reciproke ne komprenas, kaj la politikistoj miskomprenas konscience aŭ ne-konscience la intencojn unu de la aliaj. Se la granda popolaro estu renkontinta unu la alian egalrajte per la uzo de komuna mondlingvo, eble ne ĉiuj diferencaj opinioj estus forigintaj, sed la ebleco tamen pli granda pri tio, ke la homoj en ĉiuj landoj povus ekvidi, ke ili laŭ vivmaniero kaj pensmaniero similas unu la aliajn multe pli, ol ili estas diferencaj. Homoj, kiuj multe vojaĝas, scias tion, kaj tiuj, kiuj estas okupitaj ĉe la trafiko, ankaŭ scias tion. En la trajnoj, kiuj rapidas tra la landojn kaj trans la artefaritajn landlimojn, oni renkontas homojn el ĉiaj naciecoj. Tial ne estas strange, ke la personaro de la fervojoj estas pioniroj en la laboro por la internacia helplingvo Esperanto.

Estas por mi grandaj ĝojo kaj honoro hodiaŭ en la nomo de la aarhusa urbestraro elkore bonvenigi vian organizon al Aarhus. Ni sentas nin tre honoriĝintaj por tio, ke vi por la dua fojo metas vian internacian kongreson al nia urbo. Via laboro okazas sub la signoj de l' paco kaj kompreno. En tempo, dum kiam timo kaj minaco trafas la mondon, ni ne povas sufice forte ĝoji pri tia manifestacio da bona volo kaj interhoma kunlaboro. Mi esperas, ke vi travivu festajn tagojn en Aarhus, kaj ke viaj konferencoj helpos al plifortigo de tiu laboro por paco en la mondo, en kio la Esperantomovado estas tiom forta faktoro.

## PAROLADO DE LA ĜENERALDIREKTORO DE DANAJ ŜTATFERVOJOJ

Sinjorinoj kaj sinjoroj, karaj kunlaborantoj ĉe la fervojoj de Eŭropo!

En ĉi-tiuj jaroj, en kiuj ni parolas tiom pri internacia kompreno, povas esti okazo por memori, ke la fervojoj dum multaj jaroj estas internacie orientitaj. Jam dum longe ni komprenas, ke ĉiu per si mem ne sufiĉas.

Ni ne ŝatas landlimojn — almenaŭ ne kiel barajn aranĝojn. La trajnoj traveturu de nordo ĝis sudo kaj de oriento ĝis okcidento, tiel ke ni povas doni al niaj klientoj la kiel eble plej bonan servon.

Sed al tio apartenas ankaŭ, ke ni povas helpi tiujn eksterlandanojn, kiuj veturas per niaj trajnoj aŭ venas en niajn stacidomojn, kaj tion ni povas nur, se ni povas interkompreniĝi. Ni ja kompreneble havas tiun eblecon lerni unu aŭ plurajn fremdajn lingvojn, sed ĉiujn lingvojn ni ne povas lerni.

Tial ŝajnas al mi tre bone, ke troviĝas lingvo, kiun ĉiuj povas utiligi, kaj per kiu oni povas komprenigi unu la alian.

Tamen — ne nur en nia laboro ni bezonas la kapablon paroli kun homoj de aliaj landoj. Ankaŭ kiam ni mem vojaĝas en fremdaj landoj estas necese povi sin komprenigi, kaj vojaĝoj en Eŭropo estis kaj estas tre ŝatataj de multaj fervojistoj — kaj estas bone tiel, ĉar ni povas lerni de unu la alia, kaj precipe ni povas lerni reciprokan komprenon. Estas ja tio, kion ni tre multe bezonas.

En la nomo de Danaj Ŝtatfervojoj mi deziras al vi prosperon kaj feliĉon en la laboro por Internacia Federacio Esperantista Fervojista, kaj mi esperas por vi, ke ankaŭ ĉi-tiu kongreso donu al vi profiton, kiu estas valora hejmenporti.

## PAROLADO DE LA PREZIDANTO DE LA UNUIĜO SPORTO KAJ HOBIO

Estimata kongreso.

En la nomo de asocio de sporto kaj hobio de danaj fervojoj mi havas la honoron transdoni al la kongreso niajn plej elkorajn salutojn, esprimante samtempe la esperon, ke la kongresaj laboro kaj decidoj portu riĉan kaj utilan rezultaton.

Estas nature, ke la estraro de nia asocio atentas la sukceson de tiu kongreso kun la plej grandaj atentoj, ĉar precipe lingvoscio estas grandskale unu el tiuj faktoroj, kiuj kontribuas kiel interligilo inter la nacioj.

En tempo dum kiam la mondo spertas plivastiĝantajn mekanikadon kaj aŭtomatikadon miksata kun la timo pri danĝera kaj terura utiligo de la atomforto, mi ĝoje saultas tion, ke la homoj trans la landlimojn provas ekkoni unu la aliajn malgraŭ la multaj diferencoj, kiuj ĉiam ĉeestas opinie kaj mentale, — ju pli granda interrilato inter la landoj kaj ĝiaj popoloj — ju pli granda ebleco pri tio, ke la atomforto estas uzata por ĝojo kaj benado de la homaro.

Ĉu mi plie rajtas diri, ke mi trovas, ke estas ĝoja signo de l' tempo, ke la etatularo sur kiel eble plej multaj kampoj, per organizita libertempa laboro provas sin plispertiĝi, ĉu temas aŭ pri sporto aŭ pri kultura laboro. Jes, mi konsideras la tutan organizadon eĉ kiel grandan valoron por la etato mem, tiel ke tiu laboro ne povas esti taksata kaj aprezata sufiĉe grandskale.

Estimata kongreso.

Fine mi deziras bonajn feliĉon kaj sukceson pri la laboro, kaj mi promesas la plenan helpon de nia organizo en la tempo estonta.

## RAPORTO PRI LA LABORKUNSIDOJ

La prezidanto de LFEF Stapel bonvenigas ĉiujn ĉeestantojn kaj speciale la delegitojn. Estas la dua foje ke ni kongresas en Aarhus. Nun la situacio estas iom alie ol en la unua kongreso. Tiam ni devis serĉi la vojon, kaj ni komencis kun idealismo. Tio restis, eĉ pligrandiĝis. Laŭ ni, ni trovis la ĝustan vojon. Preskaŭ ni atingis membronombron de 2000 en 17 landoj. Tio signifas ke ni havas enfluon en la Esp-movado. En diversaj landoj estas kresko, en aliaj eta malkresko.
Speciale en la orientaj landoj oni laboras entuziasme kaj fervore. Ekzistas kelkaj baroj, alie nia kresko estus pli granda.
Grava estas la perdo de kelkaj fidelaj anoj pro morto. Ili estas: Meijer kaj Verschoof en Nederlando, Ulrich Walder en Germanio, kaj Flores en Hispanio. Mi petas al vi honori ilin starantaj per kelkminuta silento.

En ĉi tiu kongreso la estrarŝanĝo estas grava. Tri forlasas la postenon de ĉefestrarano. Tio ne estas facila, ĉar ni oferis multe por nia movado. Sed estas necese ke nova sango venas. Ni sukcesis trovi du novajn: unu por anstataŭi la kasiston, kaj la alia por 2a sekretario, por ke li Lok estontece povu anstataŭi.
Ni konstatis ke la Bulteno regule alvenis en ĉiuj landoj. Sed la financaj aferoj ne estas facilaj. Pligrandigo de la Bulteno estas ege dezirinda, sed la financoj ne permesas tion.
Laŭ nia membrolisto ni havas 1945 anojn, do ni ne ricevas pli da kotizo ol 1945 gulendojn. Tamen la aferon ni devas solvi; pro tio la propono pri kotizplialtigo. Pripensu la aferon, ĉar sana bazo estas necesa.
Konvinkinta ke vi faros saĝajn decidojn, mi deklaras la laborkunsidon malfermita.
Sekretario Lok voĉlegas kelkajn envenintajn telegramojn kaj leterojn, sed ĉar ili estas tro abundaj, ne estas eble voĉlegi ĉiujn.
Multan dankon por la gratuloj kaj bonderizoj.

**Pritrakto de la raportoj**

La kongresraporto de Rijeka estas senrimarkoj akceptita kun laŭdo por la protokolinto.
Ankaŭ la sekretaria raporto estas akceptita kun grava danko al la sekretario.
Rilate la raporton de la kasisto Gimelli Italio rimarkigas ke kelkaj pagas pli ol la fiksitan kotizon. Kiam ĉiu, kiu povas fari tion, aldonas ion, ni povas eviti financajn malfacilaĵojn.
Labordus Nederlando raportas ke la kaskontrola komitato trovis la financajn aferojn en bonordo kaj laŭdas la kasiston por la akurata laboro. La raporto estas aplaŭde akceptata.
De Jong ĉefestrarano sciigas ke la kandidato por la kasista funkcio ĉeestas. Ni konas lin, kaj scias ke li estas fidinda kaj havas spertojn, ĉar li jam dum pluraj jaroj estas kasisto de la loka grupo. **Forta aplaŭdo.**

La prezidanto diras ke la alia kandidato pro familia cirkonstanco ne povas ĉeesti. Li loĝas en Utrecht. Estas nur 40 km de Amsterdam, do tio ne estas malhelpo. Li laŭdas la FERN-estraron, ĉar ili havigis al la IFEF-estraro junan forton.
La redaktora raporto ne estas presita en Bulteno pro grava malsano de la redaktoro. Tial De Jong raportas buŝe:
Mian laboron vi ĉiam povas kontroli. Post Rijeka mi sukcesis presigi la Bultenon. Mi ricevis multajn laŭdojn, sed ankaŭ kritikon. Tio estas bona kaj necesa. Kritiko pro la fakto de la kapo ne plu estas aktuala, ĉar vaporlokomotivoj ne plu dejoras en diversaj landoj. Jugoslavio mallaŭdas la enhavon kaj sugestas ke ni transprenu artikolojn el ilia gazeto. Vere, en ilia gazeto aperis bonegaj teknikaj artikoloj, sed ĉu ili bone taksas la enhavon de Internacia Gazeto?
Transpreni artikolojn el la gazetoj de landaj rondoj signifas ke la Bulteno por tiuj landoj ne plu estas aktuala.
Evenis abunde da artikoloj. Nur la fakto, ke la financaj rimedoj estas modestaj, malhelpas al ni enpresigi cion.
Ne ĉiam mi povis rifuzi artikolojn de aliaj organizoj. Vorton de laŭdo mi devas esprimi pri la gazetoj de la landaj rondoj. Speciale alta mi taksas la Jugoslavian gazeton kiu tre bel-aspektas, sed mi dubas, ĉu IFEF povas eldoni tian gazeton. Niaj rimedoj estas nur modestaj kaj la redaktoro estas fervojisto, kiu nur povas labori por la Bulteno en sia libera tempo. Multan laŭdon mi ricevis el Francio. Koran dankon pro tio.
En la daŭro de la jaroj ni multfoje plibonigis la gazeton. Eble en la estonto ni povas eldoni la plej bonan gazeton por nia movado.

**Tschom Aŭstrio** proponas ŝanĝi la kapon pro manko de vaporlokomotivoj.

**Thorsted Danio** deziras pli grandan gazeton. Proponas ke la membroj mem pagu la gazeton krom la kotizon. Li ne vidas aliajn rimedojn.

**Zupanic Jugoslavio** diras ke la redaktoro petis en artikolo pri kontribuaĵoj. Pro tio li proponis preni artikolojn el Jugoslavia gazeto. Cetere li konsilas preni pli grandan gazeton en du kolonoj.

**Giesner Germanio** konsilas iomete ŝanĝi la formaton, kaj peti en Bulteno ke la anoj sendu proponojn pri kapo ktp.
Ne facile estas buŝe priskribi desegnojn. Estas necese ke fakaj artikoloj aperas en Bulteno por kapabligi la anojn, sed la amplekso de la gazeto devas esti kompare al la rimedoj. Oni pagu nur unu kotizon, kaj ne kotizon por IFEF kaj kotizon por Bulteno.
La supernacia karaktero de Bulteno devas resti.

**Sekeres Jugoslavio** proponas ke ekde la 10a kongreso okazu en kongreso Ĵurnalista kunsido por priparoli Bultenon kaj la landajn gazetojn. Li proponas pro tio ŝanĝi la regularon kaj aldoni inter „ekzistas kaskontrola komitato kaj konfliktkomitato" meti: „Ĵurnalista komitato". Kiel titolon por nia gazeto li proponas: „Internacia Fervojisto".

**Tschom Aŭstrio** fidas ke la redaktoro trovos la plej bonan formaton de nia gazeto.

**Lemonnier Francio** apogas la proponon de Sekeres pri redaktora kunveno.

**Bürger Aŭstrio** sugestas ĉu eble la fervojaj administracioj povas por ni presi la gazeton.

**Labordus Nederlando** diras ke tio ne eblas en Nederlando, ĉar la Administracio ne havas propran presejon.

**De Jong redaktoro** respondas: Thorstad proponis ke oni pagu aparte por Bulteno. Tio laŭ mi ne estas la ĝusta vojo, ĉar ĉiu devas ricevi nian organon. Ni nepre ne havu du specojn de membroj.
Sekeres proponis redaktoran kunvenon. Tiu sugesto estas ĝusta, kaj ni povas subteni ĝin. La nomo „Internacia Fervojisto" ŝajnas al mi ne bona. Ni klopodos eldoni la gazeton en pli granda formato, kaj presigos en Bulteno konkurson inter la anoj por nova kapo.
Regularŝanĝo nun ne eblas, ĉar tion oni devas proponi sufiĉe frue antaŭ la kongreso, por ke la landaj asocioj povu antaŭe pristudi tion.

**Kongresproponoj**

**Labordus Nederlando** proponas pritrakti la 5an proponon antaŭ la 2a. Tio estis akceptata.

**Propono 1.** La prezidanto klarigas ke plialtigo de la kotizo estas nepre necesa, car la kostoj de Bulteno superas la enspezojn pere de la kotizo.

**Labordus Nederlando** diras ke FERN funde priparolis la proponon. Li timas perdi anojn, sed tamen estas por la propono, ĉar li konscias pri la neceso.

**Thorsted Danio** opinias ke homo kiu volas labori, ankaŭ volas pagi. La prezo de ĉiuj varoj plialtiĝis kaj ankaŭ la salajroj altiĝis. Tial aldono de unu dana krono jare por IFEF-kotizo ŝajnas al li bagatelaĵo.
Olson Svedio, Ruhainainen Finnlando, Giesner Germanio, Tschom Aŭstrio kaj Lemonnier Francio parolis ĉiuj favore al la propono.
Ĝi do estis akceptata kaj la kotizo fariĝos ekde la 1a de januaro 1959 unu kaj duona nederlanda guldeno jare.

**Propono 5.** La prezidanto voĉlegas la proponon kaj demandas kiuj deziras la parolon. Preskaŭ ĉiuj delegitoj anoncis sin. La findecido estis:
„Oni fiksu en la kongreso la temon por fakprelego. La landaj asocioj faru skriban prelegon kaj disdonu ĝin al la delegitoj kaj al ĉiu estrarano. En la kongreso estu prelego pri interesa temo, farita de la lando en kiu estas la kongreso. Pro tio la prelego povas esti interesa, kaj oni povas uzi rimedojn por agrabligi ĝin. Ekzemple per lumbildoj".

**De Jong redaktoro.** Morgaŭ ni decidu pri la temo en Linz.

**Propono 2** superfluas pro akcepto de propono 5.

**Propono 3. Lemonnier Francio** klarigas la proponon. S-ro Mollion sciigis pri kunveno de FISAIC, en kiu oni parolis pri la ebleco havigi senpagajn vojaĝbiletoj por viziti niajn kongresojn. Sed poste montriĝis, ke estas pli bone atendi ĝis pli konvena tempo, por ne riski rifuzan respondon.
Pro tio la franca sekcio reprenas la proponon.

**Propono 4. Lemonnier Francio.** Pro manko je korespondado diversaj lernantoj perdiĝas post la kurso. La spertoj, kiujn ŝi havas rilate adresojn prenitajn el gazetoj, kaŭzis ke la franca sekcio serĉas aliajn rimedojn.

**Thorsted Danio** ankaŭ havas malagrablajn spertojn pri adresoj en gazetoj. Tial li ĝojas pri la propono de Francio.

**Olson Svedio** subtenas la proponon, por ke fervojistoj korespondu inter si.

**Giesner Germanio** demandas, ĉu la landaj organizoj mem havu po unu respondeculo, aŭ **ĉu ni havu komunadreson.**

**Labordus Nederlando** opinias ke estas pli bone havi komunadreson.

**Prezidanto:** Ĉefestrarano Biesheuvel estas preta preni sur sin la gvidadon de la korespond-servo. Post ĉi tiu kongreso li disponas pri sufiĉe da tempo. Aplaŭde akceptita.

**Postveninta propono de Jugoslavia sekcio**
Ĉiu landa sekcio havu kvar delegitojn.
Sekeres Jugoslavio klarigas la proponon. Laŭ li estas tro malfacile por unu delegito regi ĉiujn temojn kaj krom tio, tro laciga por ili partopreni ĉiujn kunsidojn. Li deziras apartan delegiton por ĉiuj fakoj.

**La prezidanto** respondas, ke ĉiu lando havas la rajton sendi tiom da delegitoj, kiom ĝi deziras. Ili tamen havas nur tiom da voĉoj, kiom estas regulare fiksitaj. La propono do fakte superfluas.

**De Jong Redaktoro** diras ke ni por la sekvonta kongreso jam povas aranĝi redaktoran kunvenon, sed ke por tiurilata regularaldono propono flanke de la membroj estas necesa. Jugoslavio do sendu ĝin antaŭ la sekvonta kongreso.

**Sekeres Jugoslavio** konsilas ke la landaj asocioj sendu siajn jarraportojn jam en marto al ĉiuj landaj sekretarioj kaj al la ĉefestraro, por ke ĉiuj havu la okazon antaŭe pristudi ilin. Tio ŝparos al ni multe da tempo.

**Fino de la unua kaj dua kunsidoj.**

**Daŭrigo de la kunsidoj.**

**De Jong Redaktoro:** Atentu ke ni ankoraŭ devas elekti temon por la fakprelego. Bone komprenu ke pri tiu temo oni nur faru raporton, sed en la kongreso ne prelegu. Tion nur faras la gastiganta lando.

Post debato la kongreso decidis ke la temo por la sekvonta jaro estu: **„La evoluo de la horaro".**

**Estrarelekto**

**La prezidanto** petas ke oni elektu laŭ la propono de la ĉefestraro.
Post multe da peno ni trovis du novajn estraranojn. Per tiuj la estraro ne estos tute kompleta, ĉar mankas ankoraŭ du funkciuloj, sed la eksiĝintaj estraranoj estas pretaj helpi, por ke la laboro ne stagnu.

**Thorsted Danio:** Dum 10 jaroj ni vidis la samajn vizaĝojn. Ĉiam kun ĝojo, ĉar ni ja scias, ke ili laboras daŭre por nia movado. Ni estas dankaj pro tio. La estraro mem trovis solvon; ni devas akcepti tion.
En la nomo de DEFA mi esperas ke la eksiĝontoj havos agrablan vivvesperon. La kongreso substrekis tiujn vortojn per aplaŭdo kaj unuanime akceptis la proponon de la ĉefestraro.
La estraro do nun konsistas el: Prezidanto: K. G. J. de Jong, sekretario: J. Lok, kasisto: E. R. Oosterwijk, redaktoro kaj vic-prezidanto: H. Hoen, 2a sekretario: J. Popti.

**De Jong** dankas pro la fido. Nun ni elektis du junajn fortojn en la estraro. Tio estis necesa, por ke ne okazu fiasko. Ne kredu, ke ni ĝojas pri la foriro de la malnovaj. Ĉiuj el la tri faris multe da laboro. Stapel estas populara en la vico de la IFEF-anaro. Liaj paroladoj neniam estis tro longaj, sed tamen celtrafaj. Kvankam ne tiom rimarkebla, la aliaj du ankaŭ daŭre laboris kaj faris kion ili povis.

Li dankas la foririntojn por ilia promeso helpi ankaŭ estontece.
Post la morto de Wissing la estraro ne estis kompleta. Ankaŭ nun mankas al ĝi du funkciuloj. Tamen li esperas per bona divido de la laboro gvidi la federacion kontentige.

**Hoen** dankas pro la fido. Li scias, ke la tasko de redaktoro ne estas facila. Tio jam montriĝas el la „emocia nokta kunveno" pri kiu sonĝis lia antaŭulo. Sed ĉar li jam dum jaroj helpis la redaktoron, kaj prizorgis la Bultenon dum lia malsano, li akiris ioman sperton. Li tamen bezonas la helpon de la membroj, speciale de la landaj redaktoroj por fari la Bultenon alloge legebla. Li promesas presigi en Bulteno direktivojn por la kunlaborantoj.

**Lok:** Nun ni havas emociplenan momenton. Tri karaj amikoj forlasis nin. Eble krono de ilia laboro estas, ke mi povas sciigi, ke ni jam atingis la membronombro de 2000. **Forta aplaŭdo.**

**Biesheuvel** dum la tempo prizorgis la monaferon. Li dankas la kongreson pro la fido, kaj esperas ke la nova kasisto havos la saman fidon.

**Lemonnier Francio:** La unuaj paŝoj de IFEF estis la vizito de la franca grupo al Amsterdam, el kiu venis la naskiĝo de IFEF.
Ŝi kore dankas la foririntojn kaj fidas la novajn estraranojn.

**Giesner Germanio** memoras kiam li kiel nova esperantisto vizitis la kongreson en Lindau. Jam tiam li rimarkis ke la estraro estas modesta, sed ĉiam laboradas. Li esperas ke la novaj baldaŭ havos la saman popularecon kaj dankas la malnovajn por ilia laboro.

**Bürger Aŭstrio** vizitis ĉiujn kongresojn. La laboro de la ĉefestraranoj instigis lin al daŭra laboro. Nun ni atingis la nombron de 2000 membroj. Pli grandan laŭdon ne povas ricevi la malnova estraro. Li dankas ilin ĉiujn kaj certigas ke li havas plenan fidon en la nund estraro.

**La prezidanto** dankas pro la laŭdoj. Ni nur faris nian eblon, sed la koro de nia organizo estas la sekretario Lok. Li instigis nin ĉiujn.
Laŭdon meritas ankaŭ niaj edzinoj, kiuj daŭre helpis nin.

**Lemonnier Francio** proponas eknomi Stapel Honora Prezidanto.
Kun aplaŭdo akceptita.

**Labordus Nederlando** proponas eknomi Biesheuvel kaj Drijfhout Honoraj Membroj. Ankaŭ tio estis akceptata kun forta aplaŭdo.

**Elekto kaskontrola komitatano**
Anstataŭ Labordus, la nederlanda sekcio proponas Stapel. **Akceptita.**

**Elekto konfliktkomitato**
La komitato konsistanta el la kolegoj Bouwkamp, Thorsted kaj Hartjen restas senŝanĝa.

**Elekto kongresloko por 1959**
Bürger Aŭstrio invitas la kongreson al Linz. **Kun aplaŭdo akceptita.**

**Elekto provizora kongresloko por 1960**
Ruhainainen Finnlando invitas la kongreson al Helsinki en la lando de miloj da lagoj.
Gimelli Hispanio diras ke oni en Hispanio estas tre entuziasmaj por aranĝi la kongreson en 1960, sed en tiu jaro ankaŭ akozas la U.E.A.-kongreso en Barcelona. Por ke ne la unua kongreso malhelpu la alian, li opinias pli bone prokrasti unu jaron.

Post debato pri la plej bona tempo por kongresi, la propono de Finnlando estis akceptata. La kongreso do en 1959 okazos en Helsinki.

**Libera diskutado**

**De Jong Ĉefestrarano** voĉlegas resumon de la kongresdecidoj.

**Lok Sekretario** petas la opinion de la delegitoj pri presigo de la historio de la fervojista esp-movado dum 50 jaroj.
Diversaj delegitoj estas scivolaj pri la historio kaj petas informojn pri prezo kaj kvanto de la eldono. Lok respondas, ke venos anoncó pri tio en Bulteno. La prezo ne estos alta, sed oni devas antaŭmendi. La minimuma kvanto estos 500 ekzempleroj.
**Giesner Germanio** okaze de la 10-jara ekzistado de IFEF transdonas koverton kun enhavo por pli beligi la Bultenon.
Instigas la anojn viziti la U.E.A.-kongreson en Mainz.
GEFA akiris sukceson, ĉar 6 anoj deĵoros en la servo de la kongreso. Partopreni kaj propagandi por tiu kongreso samtempe estas samtempe propagando por IFEF. Fervojistoj povos manĝi en la D.B.-kantino.

**Bürger Austrio** transdonas koverton por Bulteno.
**Eijkenaar Nederlando** invitas por feria semajno en Zwolle.

**Lemonnier Francio** memorigas la agadon de s-ro oMllion prezidanto de FISAIC favore al Esperanto. Li fariĝis membro de la franca Komitato de Unesko, kaj ankaŭ tie li agas favore al nia movado.
Ŝi dankas la L.K.K. por la multe da laboro kaj la bonega prizorgado. La diferenco inter la unua kaj la nuna kongreso estas granda. Pli spertaj estas nun niaj membroj. Tio estas pruvo ke nia laboro ne estas vana. Volonte ankaŭ ŝi transdonus koverton, sed la franca sekcio estas malriĉa, sed ŝi klopodos prizorgi tion poste.

**Hogendijk Nederlando** havas la honoron transdoni koverton kun enhavo. Li laŭdas la L.K.K. en la nomo de la edzinoj por la bona prizorgado de la ekskursoj.

**Olson Svedio** jam transdonis ĉekon de 200 guldenoj por la Bulteno. Li dankas la L.K.K. en la nomo de la svedaj kolegoj.

**Steiner Aŭstrio** atentigas pri la enaŭguro de la Zamenhofmonumento en Vieno. Li instigas ĉeesti tiun solenon. Sestaga restado en Vieno kostas nur 400 ŝilingojn (25-7 ĝis 31-7 1958).

**La prezidanto Stapel** fermas la kunsidon per kelkaj celtrafaj kaj instigaj vortoj. Li laŭdas la L.K.K. kaj dankas ĉiujn por la bona aranĝo.
Fino de la laborkunsidoj.

## RAPORTO PRI LA TERMINARA KUNSIDO

La prezidanto de la komitato s-ro Ritterspach bonvenigas la ĉeestantojn kaj kunlaborantojn. La tasko estas konata; fakesprimoj mankas. Estas la tasko de la fervojistoj mem fari ilin. La francaj amikoj prizorgis la unuan laboron. En la kongreso de Zürich ili montris tradukon en Esperanto kun 5300 terminoj.
Unue Simon havis la gvidon. Poste Ritterspach. Lia unua tasko estis alfabetigi, sed montriĝis ke tio postulas multe da peno. Unu franca termino bezonas ofte tri en Esperanto kaj inverse. Ankaŭ li trovis terminojn, kiuj laŭ li estas malĝustaj. Poste montriĝis ke la nova vortaro anakŭ ne taŭgas. Li rimarkis ke diversaj terminoj ne plu estas aktualaj, sed post iom da

tempo li havis pli da spertoj. Sed intertempe venis nova eldono de U.I.C. Ĝi enhavas pli da terminoj, do ni havas novan bazon. Li komparis la francan terminaron kun la nova libro. Terminoj el la unua, kiuj ne troviĝas en la dua ne plu estas valoraj, do ne bezonas lokon en la Esperanta eldono. Nun la terminoj troviĝantajn en ambaŭ estas tradukitaj, sed ankoraŭ ne presitaj. Li aldonos novajn ciferojn. Tiuj post la termino estas de la nova libro de U.I.C. La terminoj estas laŭ Plena Vortaro kun suplemento. En la nova libro troviĝas 7600 terminoj.

**Blondeau Francio** ĝojas pri la rezultato kiun Ritterspach atingis.Li skizas la tradukon de la francoj, en kiu kvar kolegoj kunlaboris. Eldoni ĝin fariĝas problemo, ĉar mankas la mono.

**Ritterspach** jam havas planon por eldoni: En ĉiu lando oni eldonu tradukon Esperanton-Landan kaj Landan-Esperantan. Post du monatoj li vidos la eblon eldoni Esperantan-Germanan. Sed kiam la tuto estos preta? Eble ni povos uzi Rotaprint. La landoj traduku kaj kompilu nacilingve laŭ la listo kiun Ritterspach eldonos.

**Sekeres Jugoslavio** raportas pri sia lando. Montriĝas ke oni tie fervore laboras, sed ankoraŭ ne estas pretaj.

**Ruhainainen Finnlando** jam en Utreħta kongreso estis preta, sed li ne scias la nombron de la tradukoj.

**Christoffersen Danio** sola tradukis, kaj nun alfabetigas.

**Tschom Aŭstrio** diras ke en lia lando estas la germana lingvo, do por ili valoras la germana eldono.

**Ritterspach** dubas, ĉu oni en Aŭstrio havas la samajn terminojn kiel en Germanio.

**Olsen Svedio.** La komitato serĉis kunlaborantojn, do fakulojn. Sed ne pli ol 1000 estas pretaj. Li proponas unue eldoni laŭ franca eldono. Poste novan, laŭ la libro de U.I.C.

**Ritterspach** estas kontraŭ la propono. En la franca traduko estas diversaj terminoj, kiujn ni ne bezonas, kaj 500 tute ne estas speciale fervojaj. Ni tuj transiru al la eldono de U.I.C. La laboro daŭros ankoraŭ 5 jarojn, sed estas dezirinde ke ni povu eldoni pli frue. Ni devas montri ion konkretan. Baldaŭ la Germana-Esperanta eldono estos preta. Eble ni povos ĝin eldoni en Linz dum la sekvonta kongreso.

**Blondeau** estas por traduko de la terminoj kiuj estas komunaj en ambaŭ verkoj. Se eble li ankaŭ estos preta en Linz.

**Ritterspach** diras ke se ni donos la listojn al kontrolo, ni devos atendi du jarojn. Pli bone estas, ke ni sendu la liston al la diversaj landoj, kiuj traduku en nacian lingvon. Do unue komunaj tradukoj kaj poste traduko de aliaj terminoj. Posta tasko estos: traduki terminojn por signalaro, sed eble pri tio ni havos laboron ĝis la 20a kongreso.
La terminaro eldonita en Polio estas U.I.C.-eldono, do ni povas rekte mendi ĝin. La hungaraj kolegoj jam ŝlipigis la 2000 terminojn. Kiam la eldono estas preta, ĝi baldaŭeble atingos vin.

**Ritterspach** dankas ĉiujn kunlaborantojn kaj fermas la kunsidon.

## NIA KONGRESO EN LA DANA GAZETARO

Kiam mi ricevis la taskon prizorgi la gazetaran servon de LKK, mi ne ĝojis ĉar mi opiniis, ke la gazetaro ne emas skribi pri Esperanto — kaj precipe ne pri nia kongreso. Sed feliĉe mi tute ne pravis. Nun mi povas paroli laŭ sperto, ke la danaj gazetoj, precipe la aarhusaj, montris grandan intereson pri nia kongreso. Eĉ kelkfoje du el la aarhusaj gazetoj vokis min por helpi al ili skribi la plej por ni favorajn artikolojn pri nia movado. Tiamaniere la gazetoj faciligis mian laboron por la gazetara servo — kaj ankaŭ donis al mi pli da intereso pri la afero.

La jenaj danaj taggazetoj, skribis artikolojn kaj artikoletojn pri nia kongreso. La nombro en parantezo estas nombro da artikoloj:

Aarhuus Stiftstidente (9), Demokraten (8), krome Demokraten ĉiutage dum la kongreso skribis novaĵojn en Esperanto „La Verda Angulo", Jylands-Posten (2), Aarhus Amtstidende (2), B.T. (1), Politiken (1), Ringkøbing Amts-Dagblad (4), Vestkysten (1). Krome ankaŭ fakĵurnaloj Vor Stand, Jernbane-Tidende, Vaerksteds-Tidende kaj Jernbane-Sport skribis pri nia kongreso.

Fine mi volas danki mian helpanton E. Henning Olsen pro nia bonega kunlaboro dum la kongreso.

La gazetara servo, K. Stampo.

## INTERNACIA KORESPONDSERVO

En la Aarhusa kongreso ni decidis starigi internacian korespondservon, laŭ propono de F.F.E.A. (Francio).

La celo de I.K.S. estas havigi al la membroj de I.F.E.F. seriozajn korespondadresojn de ĝekolegoj en la tuta mondo.

Speciale ĝi celas helpi la komencantajn esperantistojn, kiuj ofte seniluziiĝas pro tio ke adresoj en diversaj gazetoj ne plu validas kaj sekve ili ne ricevas respondon.

Ĉiu kiu do deziras interkontaktiĝi kun eksterlanda esperantisto, bonvolu konigi tion al la gvidanto de I.K.S.: S-ro W. Biesheuvel, Ceramplein 58 huis, Amsterdam Oost, Nederlando. Estas dezirinde ke oni detale informu la gvidanton pri siaj deziroj, por ke ĉiu ricevu la por li (ŝi) plej konvenan korespondant(in)on.

Instruistoj de elementaj kursoj estas petataj instigi siajn lernantojn al korespondado, kaj ili se necese peradu en la interkontaktado.

**Al ĉiu peto pri korespondo oni aldonu Internacian Respondkuponon.**

## NEKROLOGO

En Linz, Aŭstrio mortis la 18-an de junio 1958 la eminenta Esperantopioniro WILHELM NAMORS en la aĝo de 60 jaroj.

Samideano Namors eklernis Esperanton jam en 1919, poste mem gvidis kursojn, kaj ĉiamaniere dediĉis siajn fortojn al la Esperanto-movado.

Ankaŭ en nia federacio li estis konata kaj tre ŝatata persono.

Ni tutkore kondolencas nian aŭstrian sekcion kaj la vidvinon de kolego Namors pro tiu grava kaj subita perdo.

La IFEF-estraro

## LA PLEJ BONA METODO POR ANALIZI LONGAJN ESPERANTO-VORTOJN

Esperanto, kiel oni scias, estas kunmetata per radikoj, prefiksoj kaj sufiksoj. Sciante bone la esperantan gramatikon, oni povas skribo longajn vortojn, sed por kompreni ilin, ni devas unue rigardi la vortfinojn, por analizi kion signifas tiu longa vorto.
Kiel ekzemplo jena longa vorto: AKVOMELONTRANĈAĴVENDISTINOJ.
Akv' melon' tranĉ' aĵ' vend' ist' in' o j.
Ni komencas analizi ĝin dekstre ĉe la fino de la vorto. La fina litero estas la konsonanto „jo" kiu indikas multenombron.
Poste sekvas la litero „O", kiu ĉe la fino de iu vorto donas al ĝi karakteron substantivan. La sufikso „IN" signifas personon aŭ beston, kiu estas virinseksa. La sekvanta sufikso „IST" jam montras ke la substantivo estas persono, ĉar tiu sufikso indikas profesion aŭ oficon.
Sciante ke tiaj inaj personoj havas profesion, ni demandas: kia profesio? Por scii tion ni esploru la la radikon "VEND" = vendi. Ili do vendas... Ili estas vendistinoj, sed kion ili vendas? Tio montras la sufikso „AĴ" kiu signifas ion konkretan.
Daŭrigante la analizadon de la vorto ni trovas la radikon „TRANĈ" kaj per tiu radiko ni jam ekscias ke la aĵoj estas tranĉataj.
Trovante poste la radiko „MELON" ni scias kiajn tranĉaĵojn oni vendas, dum la plej maldekstra radiko klarigas ke ne temas pri iu ajn melono sed pri akvomelono. Tiel fine klare montriĝas la ĝusta signifo de la vorto. Kompreneble oni ne estas devigata akcepti mian metodon, sed mi, kiu laboris kiel lokomotivisto inter karbo kaj vaporo uzis ĝin kun sukceso. Precipe post mia pensiiĝo, antaŭ 5 jaroj, mi multe **instruas** Esperanton, ĉar ĉiu esperantisto devas meti sian sableron en la morteron, por fari solidan fundamenton al nia lingvo.

Jaime Miro, Barcelona

*Ni konas nian amikon Miro kiel entusiasman batalanton por nia afero. Tamen ni estis devigataj grave mallongigi lian lecionon, por ke nia gazeto ne similu lernolibron. (red.)*




**„MONDO SEN INTERMUROJ"** — Debatin, Otto.

Rationalisierung 8 (1957) 9, S. 262—263.

En Ameriko la elekto de la kunlaboruloj en prijuĝo estas farata laŭ testsistemo, kiu inkluzivas la tutan personecon de la laborprenanto. Ĉe tio ankaŭ en la privata vivo estas profunde enpenetrata, ĉe kio ne estas forgesata eĉ la edzeca vivo. Per la rapideco de la testadoj ĉe la amaselekto reliefiĝas supraĵa, mekanika traktado, kiu forte groteskas la rezultojn. Ankaŭ „neobservataj" antaŭesploroj okazas.
Granda malkvieto pro tio regas inter la koncernitoj, kiu efikiĝas tre malfavore al la anima vivo, tiel ke estas avertate pro ĉi tiu procedo. Ĉi tiuj prezentitaj pensoj kelkloke estas subtenataj per citaĵoj el la libro de Robert Jungk: „La estonto jam komenciĝis".



## MALOFTA EVENTO EN LA ESPERANTO-LITERATURO

Nun presata, aperos fine de julio 1958

## DUA ELDONO

de

## RETORIKO

de

IVO LAPENNA

La verko estas komplete reviziita kaj konsiderinde kompletigita: pli ol 100 novaj paĝoj. Ĝi havas du partojn: I. LINGVO, II. RETORIKO

Antaŭparoloj de R. Rossetti al la Unua Eldono kaj G. Waringhien al la Dua Eldono — Paroladoj de Brutus kaj Antonie (el Julio Cezaro), de Zamenhof, E. Privat kaj la aŭtoro en la Aldono — Indekso.

Presita sur tre bona malpeza papero, broŝurita aŭ tole bindita, kun arta kovrilo desegnita de R. Rossetti kaj kun portreto de la aŭtoro, ĉ. 320 paĝoj de formato pli granda ol estis la unua eldono, kiu havis 211 paĝojn.

**Se vi legis kun intereso la unuan eldonon, vi ankoraŭ pli aprezos la duan! Se vi ne posedas la unuan eldono, havigu tuj la duan.**

La prezo estas por tole bindita ekzemplero 11 ned. guld., por broŝurita 9 ned. guld. aŭ egalvaloro.

Mendebla ĉe la aŭtoro: 77 Grasmere Avenue, WEMBLEY, Middlesex, Britujo, aŭ ĉe f-no M. H. Vermaas, 70 Nieuwe Binnenweg, Rotterdam C., Nederlando.

## SVEDUJO ELDONIS TURISTBROŜURON

La sveda ŝtato eldonis belan, multkoloran turistbroŝuron en Esperanto kun granda, detalriĉa landkarto. Ĉiuj povas post peto ĉe **Svenska Turisttrafikförbundet, Stockholm, Svedujo,** senkoste ricevi unuopajn ekzemplerojn. Skribu en Esp. sed indiku, ke temas pri broŝuro en Esperanto.